INTERNACIA ĴURNALISTO

JARO VII. SOFIA — BULGARIO
JANUARO — MARTO 1963, № 1



ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

# ANTAŬ LA 48-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN SOFIA

(3—10 aŭgusto 1963)

## PROVIZORA PROGRAMO

### por la ĵurnalistaj manifestacioj dum la Kongreso

*Evidentiĝas, ke la renkonto de la membroj de TEĴA kaj de aliaj ĵurnalistoj-esperantistoj dum la tagoj de 48-a Universala Kongreso de Esperanto en Sofia ĉi jare estos plej multnombra, bone organizita kaj eĉ plej solena. Tiucele laboras la ĵurnalista sekcio ĉe TEĴA en Bulgario, kiu estas unu el la plej grandaj kaj viglaj. Pluraj bulgaraj Teĵanoj estas LoKo-Komitatanoj kaj gvidas la Gazetaran Servon, la Propagandan Fakon ktp. de LoKoKo.*

*Laŭ la sciigoj de KKS s-ro Pompilio kaj de LoKoKo, la laboroj por la 48-a Universala Kongreso de Esperanto en Sofia bone progresas. La aliĝado evoluas tre kontentige: ĝis la 25 de marto oni ricevis ĉirkaŭ 2000 aliĝojn, t. e. la plej alta cifero iam ajn atingita en ĉi tiu periodo kompare de antaŭaj Universalaj Kongresoj. Laŭ la ĝisnunaj avertoj plej amase partoprenos la UK en Sofia ankaŭ ĵurnalistoj-esperantistoj, komitatanoj kaj reprezentantoj de TEĴA.*

*Tial la estraro de la ĵurnalista Sekcio en Bulgario ellaboris provizoran programon kun diversaj ĵurnalistaj manifestacioj. Ni mencias iujn pli gravajn programerojn:*

*1. Malfermo de la jarkunveno de TEĴA fare de ĝia preziganto Olav Thormodsen. Salutparolaĵoj de reprezentantoj de ĵurnalistaj organizoj, de redakcioj de centraj gazetoj kaj aliaj institucioj,*

*2. Referato pri ĵurnalista temo.*

*3. Post la fermo de la kunveno — KOMUNA TAG-(VESPER)MANĜADO en la restoracio de la Unuiĝo de la Bulgaraj ĵurnalistoj, str. Graf Ignatiev 4, Sofia.*

*4. Akcepto en la Domo de la Unuiĝo de la Bulgaraj ĵurnalistoj.*

*5. Vizitoj (kaj akceptoj) de redakcioj de centraj gazetoj, ĵurnaloj, Radio-Sofia kaj Televido, poligrafiaj entreprenoj k. a.*

*6. Amikaj promenoj, renkontoj kaj gastigoj.*

*Por ke la Programo estu pli riĉenhava, la Estraro de la ĵurnalista sekcio en Sofia petas ĉiujn estraranojn kaj membrojn de TEĴA sendi tuj al la redakcio de „Internacia ĵurnalisto“ siajn proponojn kaj sugestojn pri aliaj konvenaj programeroj.*

## KUNVENO DE LA ĈEBALTAJ T.E.Ĵ.A. — REPREZENTANTOJ

Dum la 4-a Ĉebalta Esperanto-tendaro en Cesis (Latvio) laŭ iniciato de s-ano N. F. Danovskij — komitatano de TEĴA — okazis kunveno de TEĴA—reprezentantoj por la Ĉebaltaj respublikoj.

La kunvenon partoprenis: O. Kingsepp — (Estona SSR), A. Pakula — (Litova SSR), E. Klavinŝ — (Latvia SSR) kaj kiel reprezentanto de la komitatano N. F. Danovskij (kiu, bedaŭrinde, pro iuj cirkonstancoj, ne ĉeestis la tendaron), s-ano M. Urban el Moskvo.

Dum la kunveno estis priparolitaj la sekvantaj demandoj de la labor-ordo: 1. Stato de la TEĴA—agado en la Ĉebaltaj Respublikoj; 2. Esperanto—ĵurnalista sperto; 3. Organizado de TEĴA-agado en la apartaj respublikoj en la estonteco.

Evidentiĝis, ke ĝis nun la TEĴA-agado en Ĉebalto ne estis en bona stato. Ekzemple, en Estonio kaj Latvio la reprezentantoj de TEĴA ĝis nun ne havas kontaktojn kun siaj anoj. Komprenebl. ĉi tie ĉiu Teĵano agas tiel, kiel li opinias ke estas pli bone kaj ofte eĉ malhelpas la E-aferon per sia neorganizita agado. Kvankam en Litovio la agado estas pli bone organizita kaj la kondiĉoj iom pli favoraj, tamen ne ĉiuj tieaj membroj de TEĴA viglas kiel necese.

S-ano O. Kingsepp esprimis opinion, ke oni devas respondi al ĉiu malfavora por Esperanto presaĵo.

S-ano A. Pakula laŭ sia sperto rakontis, ke oni pli bone akceptas ion pri E aŭ per E, kiam la aŭtoro aŭ tradukinto aldonas iun sian verkaĵon, kion alia ĵurnalisto malfacile verkos.

La ĉeestantoj en la kunveno konsentis, ke en ĉiu respubliko oni devas havi reton de TEĴA-anoj en diversaj lokoj, ĉiu respublika reprezentanto devas havi konstantajn ligojn kun la anoj de nia organizaĵo en la respubliko, pri kiuj li respondecas, kaj devas direkti ilian agadon. En ĉiu respubliko devas esti unu Teĵano, kiu zorgu pri la kolektado de respublika materialo, koncernanta Esperanton.

**A. Pakula**
**(Kaunas, Litova SSR)**

---

## DANK'AL LA KLOPODOJ DE NIA REPREZENTANTO

Nia reprezentanto por Ĉeĥoslovakio A. V. Zednik klopodas por starigo de ĵurnalista sekcio de TEĴA en la respubliko. Tiucele li serĉis la helpon de la Ĉeĥoslovaka Esperanto-Komitato. Rezulte de sia agado s-ano Zednik ricevis la jenajn oficialajn leterojn:

### ĈEĤOSLOVAKA ESPERANTO-KOMITATO

Praha 2, Blanicka 4, 23. I. 1963
Estimata kamarado (Zednik),

Ni sendas al Vi la respondon de la Ĝenerala Sekretario de IOĴ (Internacia Organizaĵo de Ĵurnalistoj) k-do Jiři Meisner okaze de nia letero de 29-a de novembro 1952. De la Asocio de la Ĉeĥoslovakaj ĵurnalistoj ni ĝis nun ricevis nenian respondon, nur informan buŝan sciigon de la Sekretario de tiu ĉi Asocio k-do K. Siris, ke en la duono de februaro oni metos nian prezentaĵon en la tagordon por la kunsido de la komitato de la Ĉeĥoslovaka Asocio de Ĵurnalistoj. Pli poste oni komunikos al ni la starpunkton de la ĈS Asocio de Ĵurnalistoj rilate al nia letero pri TEĴA. Kopion de la letero de Jiři Meisner ni transdonis ankaŭ al la Sekretario Ciris.

Kiel estas videble, necese estas ke ni kirasu nin per pacienco kaj atendu, kion pri tiu afero diros la Komitato de ĈSAĴ. La rezulton ni komunikos al vi. Kun kamaradeca saluto

POR ĈS ESP. KOMITATO — MALIK M. P.

## INTERNACIA ORGANIZAĴO DE ĴURNALISTOJ

Praha 1, Vinohradska 3.

Al Ĉeĥoslovaka Esperanto-Komitato, Kultura Instituto en Praha, Blanicka 4, Praha 2.

Estimataj kamaradoj,

Konekse kun via letero de 29-a de novembro ni sciigas al vi, ke en pasinteco ni jam havis certajn kontaktojn kun la organizaĵo TEĴA parte per helpo de la kolego Ivan Keremidĉiev kaj parte helpe de reprezentantoj de tiu ĉi organizaĵo, kiuj same kiel niaj reprezentantoj partoprenis la Duan mondan renkontiĝon de ĵurnalistoj en Baden apud Wien en la jaro 1960. Certe ne necesas rimarkigi, ke tiuj ĉi rilatoj estis plej multe amikaj kaj ke nia organizaĵo klopodas havi similajn kontaktojn kun ĉiuj internaciaj ĵurnalistaj organizaĵoj, eĉ kun eble plej malgrandaj, kiuj havas similajn celojn kiel IOĴ. Tiamaniere ni taksas la fondon de sekcio de TEĴA en Ĉeĥoslovakio kiel utilan. Rilate ĝian statuton samkiel pri la maniero de enkasigo kaj transfero de membrokotizoj en Ĉeĥoslovakio ni rekomendas al vi turni vin al la Asocio de Ĉeĥoslovakaj ĵurnalistoj. La membreco en la Internacia Organizaĵo de ĵurnalistoj memkompreneble ne eliminas la membrecon en alia internacia ĵurnalista organizaĵo.

Kun amika saluto

**Jiri Meisner**

**ĝenerala sekratario**

---

# ESPERANTO EN LA GAZETARO DE TULA REGIONO

Mi estas esperantisto ekde 1931. En la komenco de 1959 mi ekaplikis Esperanton kaj propagandis ĝin en la gazetaro de Tula regiono. Por tiu celo mi skribis plurajn letorojn al esperantistoj en dekoj da landoj de la kvin kontinentoj por ricevi interesajn faktojn kaj priskribojn pri la ĉiutaga vivo de la laboruloj. Multajn el la ricevitaj leteroj mi legis poste dum lecionoj, seminarioj kaj prelegoj antaŭ miaj samurbanoj en urbo Uzlovaja, Tula regiono. Per ricevitaj bildkartoj, fotoj kaj gazetoj (Nuntempa Bulgario, El Popola Ĉinio k. a.) ni organizis kelkajn ekspoziciojn. Pri tio mi skribis sur unu paĝo de mia ruslingva broŝuro „Ekonomia lernejo", kiun eldonis la regiona Tula eldonejo en 1959.

La urbon Uzlovaja vi ne trovos sur etaj geografiaj mapoj, kvankam ĝi havas pli ol 100 mil loĝantojn. En la urbo estas granda intereso pri Esperanto-korespondado kaj ĝia apliko en la servo de la mondpaco.

Dum kvar jaroj (1959—1962) en nia urba gazeto „Standardo" (ruslingve „Znamja"), kiu aperas trifoje en la semajno, estis publikigitaj ĉirkaŭ 20 artikoloj pri kaj per Esperanto-korespondado. El ili mi mem skribis 14 pri jenaj temoj: „Lingvo de paco kaj amikeco", „Plej grave estas la amikeco", „Niaj amikoj salutas la novan venkon de la soveta popolo", „Gratuloj de amikoj", „Voĉoj de eksterlandaj amikoj" k. a. Pasintjare mi aperigis du materialojn, (ricevitajn per Esperanto-korespondado) en la regiona ĉiutaga gazeto „Komunar". En la gazeto „Testamentoj de Lenin" (aperanta en urbo Novomoskovsk) aperis mia artikolo sub titolo „Por paco kaj amikeco".

Tiu ĉi propagando de Esperanto per faktoj, akiritaj de niaj eksterlondaj korespondantoj, donas bonajn rezultojn. Ĝi montras, ke nia amata Internacia Lingvo estas necesa, taŭga kaj aplikebla en nia ĉiutaga laboro por interkonatiĝo kaj interamikiĝo de la homoj en la tuta mondo.

**Dipl. inĝ. Lev G. Fiŝbein**

Respondeculo pri la fako „Socia propagando" de gazeto „Standardo", Uzlovaja

## ANONCO

Gazetara Informoficejo serĉas Esperanto-korespondantoj por la jenaj landoj: Francio, Greklando, Svedio, Norvegio, Portugalio kaj Turkujo. Bonvolu skribi al: Grupp Giornalistico Riunito, Via della Rocca 38, Turino, Italio,



*Karaj gekolegoj! Tuj aliĝu al la 48-a Universala kongreso de Esperanto kaj preparu viajn pasportojn kaj vizojn por Sofia, Bulgario. La kongreso kaj la jarkunveno de TEĴA estos amasaj kaj belegaj.*

*Avertu la redakcion de „I. Ĵ" pri via aliĝo kaj vojaĝo al Sofia.*

# NOVA „ESPERANTO — PRESS“



*„Esperanto-Press“. — Profesiaj jurnalistoj fondis en Rio de Janeiro, Brazilo, informejon por brazila kaj alilanda gazetaro, radio kaj televidado, kun la nomo „E s p e r a n t o-P r e s s“, kiu celas ĉefe informi la publikon pri la lingvo internacia. Al nia movado ĝis nun mankis laboro de specialistoj pri informado; „Esperanto-Press“ estas la unua organizaĵo kun la definita celo informi pri kaj per Esperanto. Ties fondiĝo estis solena kaj larĝe raportata en la grandaj ĝazetoj kun fotoj pri la inaŭguro. La adreso de la informejo estas: Avenida 13 de Maio, 47, Sobreloja 208 — Rio de Janeiro, Brazilo.*

*Ĉi tiu foto estis farita dum la inaŭguro de „Esperanto-Press“, kiam parolis d-ro Braz Cosenza, prezidanto de Kultura Kooperativo de Esperantistoj, kaj nun ankaŭ direktoro de Esperanto-Press. Flanke vidiĝas profesoro Isмael Gomes Braga, verkisto, jurnalisto kaj plej valora pioniro de nia movado en Brazilo. La alia estas Licia de Freitas, arkivistino de „Esperanto-Press“.*

*En sia parolado Braz Cosenza diris, ke la ĵus fondita informejo estas plia servo al Esperanto kaj atentigis la esperantistojn pri la devo iel helpi la novan entreprenon per sendado de ĉia navaĵo pri Esperanto. Ĉar vere ĝis nun mankis al nia movado, li asertis, apogo de profesiaj jurnalistoj, kiuj povus aperigi kompletajn kaj konstantajn raportojn pri Esperanto en jurnaloj, legataj de la popolamaso. Nun „Esperanto-Press“ plenumas tiun gravan taskon.*

**„Esperanto — Press“**

# PRINTEMPO

*Krum Penev**

*Per varmeta pluv' aŭroro lavis la vizaĝon teran.*
*Tuj ekbrilis la ĝardenoj kaj la mont' en malproksim',*
*kune kun la najtingaloj venis la printemp' fiera.*
*La rivero ŝveliĝanta ĵetas ondojn en deprim'.*

*La tapiŝon novan sternis la herbejo bunt-kolora,*
*ĝin ondigas suda vento — spir' printempa de natur'*
*por indulgo petas varme ĉiu flekstalia floro*
*kaj al suno strebas plantoj en senĉesa la konkur'.*

*En la malvarmet' ebriigita mi de bonodoro*
*paŝas mi facile, kiel bubo ĝojas mi — irant'*
*pro ĉiela bluo, pro la vivo en burĝon' kaj floro,*
*pro la tago instiganta gajajn birdojn al la kant'.*

*Kvazaŭ blankaj lampoj kiuj je la verdaj lustroj pendas*
*floroj de kaŝtanoj parkaj — surŝutitaj en kaos'.*
*En la nokt' arĝenta luno super ili lumon sendas,*
*dum la tag' freŝigas ilin nuboj per kristala ros'.*

*Kune kun mi ankaŭ ili maljuniĝis. Sed sen fino*
*ĉiam juna restas la bruanta hom-rivero ĉi*
*de junuloj sveltaj kaj bunt-robaj junulinoj*
*por ke dum vespero gaje bordon superverŝu ĝi.*

*Pli da ĝoj' kaj pli da forto, viv' promesas en abundo —*
*la plej malproksiman stelon se ĉiele vidas vi;*
*se vi aŭdas flustron mildan en arbara la profundo*
*de insektoj la malgrandaj, de kalikoj kaj foli'.*

*Tute fremda estas laco al la koro malkvieta.*
*Dum juneco nia en kapturno ĉio flugas for,*
*eĉ la penso de junulo estas tre kuraĝimpeta —*
*donu al ĝi nur liberon kaj celrevon el la kor'.*

*Tiam la flugilojn ĝi en facileco ja eksvingos*
*ĉirkaŭiros ĝi kvinoble tra tutmondo kun spertec',*
*kaj por sia soifeco klaran fonton ĝi atingos,*
*ĝi traboros vojon supren — vojon al la eternec'.*

*Sed la vivo tiel estas aranĝita — fino venas —*
*kiel en infanfabeloj tagoj flugas for de ni . . .*
*Ho juneco, cent' da jaroj sin daŭrigu vi almenaŭ*
*por ke dum jarcent' mi amu mondon karan tiun ĉi.*

El bulgara: **Canko Murgin**

* Krum Penev estas nuntempa bulgara poeto.

## PRI LA PACO KAJ SENARMIGO

Paco kaj senarmigo — tio estas la plej grava problemo, de kies solvo dependas ne nur la paca kunekzistado de la popoloj kaj la ŝtatoj, senkonsidere de iliaj sociordoj, religio, raso ktp., sed dependas eĉ la ekzistado mem de la homaro kaj ĝiaj kulturaj trezoroj. Paco kaj senarmigo, malpermeso de nukleaj eksperimentoj — jen la plej ĉefaj temoj, traktataj nun inter la gvigantoj de la plej potencaj ŝtatoj, traktataj en UNO kaj inter la ordinaraj homoj. Jen kian solvon de tiu problemo trovis i. a. „Intersteno", n-ro 26, januaro 1963:

> „Pacon trudos Unuigitaj Nacioj kiam tiu asocio havos je sia dispono armeon pli fortan ol tiu de la plej forta ŝtato en la mondo. Nia devo estas agadi vigle por devigi niajn registarojn al tio. Unue Unuigitaj Nacioj ricevu ĉiujn atombombojn kaj fabrikojn de atombomboj; poste ĉiujn deponejojn de kemiaj kaj bakteriaj armiloj kaj la fabrikojn destinitajn al tio; fine ili ricevu ĉiuspecajn tradiciajn armilojn kaj ĉiujn fabrikojn de eksplodaĵoj senecepte. La buĝetoj de la unuopaj ŝtatoj, per tio, malkreskos rimarkinde. La ŝparita mono estos utiligata por utilaj celoj: konsumvaroj, domoj, lernejoj, malsanulejoj ktp."

Ni ne dubas pri la noblaj intencoj kaj sopiroj de la aŭtoro de la suprecititaj linioj. Sed la sugesto estas utopia nun, nerealigebla. Tial eĉ en la gvidantaj medioj de la ŝtatoj kaj de UNO tiu problemo ne estas diskutata en tia formo. Ni devas esti realistoj. La vojo por la solvo de tiu sortdecida problemo estas trovita: senperaj intertraktoj inter la priinteresitaj ŝtatoj, intertraktoj en la kadro de UNO. Unue oni devas decidi malpermeson kaj ĉesigon de la nukleaj eksperimentoj armilaj, poste neniigon de la nukleaj armiloj, de la kemiaj kaj bakteriaj armiloj, poste iom post ioma senarmigo. Kaj paralele kun tio — kontrakto inter la ŝtatoj por ekonomia kaj kultura kunlaborado. Pro tio tamen estas necesaj sincereco kaj bonvolo en la registaraj gvidantoj. Estas necesa ankaŭ la alpremo de la pacamaj popoloj.

## „NACIO" KAJ „NACIISMO"

S-ano Uwe J. Moritz prave traktas la devenon kaj la signifon de la nocioj „nacio" kaj „naciismo" en la junulara paĝo de „Germana Esperanto-Revuo", n-ro 12, dec. 1962.

> „Kiam naciismo ekestis, t. e. dum la komenco de la 19-a jarcento, ĝi havis tre pozitivan kaj bonsonan signifon: naciismo estis la konsciiĝo de la homoj pri ilia aparteno al komunuma kulturrondo kaj plie al samdestina komunumo politika..."
>
> „Nur dum la plua evoluado de la naciisma ideo la sana kerno estiĝis pli kaj pli kovrita per troigo de nacigloro kaj per la senmezura akcentado de naciismo kiel plej alta valoro kaj idolo. Ekde tiam naciismo estiĝis precipe aŭdaca ideologio pri la supereco de unu ŝtato kontraŭ la aliaj, pri nacia misitasko kaj (imperialismaj) civilizigodevoj en la aliaj kontinentoj. Misevolue nac konsciiĝo rezultigis ŝovinismon, imperialismon kaj certagrade ankaŭ faŝismon".

Vere, oni devas kontraŭbatali tiun naciismon, kiu „rezultigas ŝovinismon, imperialismon kaj certagrade ankaŭ faŝismon". Ja de ili suferis kaj ankoraŭ suferas la popoloj. Bone ke inter la esperantistoj oni preskaŭ ne trovas homojn, subtenantajn ja ŝovinismon, la imperialismon kaj la kruelan, sangavidan faŝismon.

I. Es.

## „ESPERANTO" HAVAS NOVAN REDAKTORON

La ĝisnuna redaktoro de „Esperanto" William Auld — konata verkisto kaj poeto, forlasis la redaktadon de la oficiala organo de Universala Esperanto-Asocio. Ekde la 1-a de februaro „Esperanto" estas redaktata de Victor Sadler, kiu fariĝis oficisto de laCentra Oficejo de UEA en Roterdam.

William Auld plue redaktos la la literaturan periodaĵon „Monda Kulturo".

## DANKESPRIMO

*Okaze de la novjaraj festotagoj la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" ricevis multajn salutleterojn. La redakcio dankas sincere al ĉiuj, kiuj sendis bondezirojn.*

### NOVA MEMARO DE TEĴA

Blago Dimitrov, str. Kazanlaŝka 160, Ĉirpan, Bulgario.

# Ricevitaj esperantaĵoj

**Oriento kaj Okcidento** — ai reciproka kompreno? — ilustrita 52-paĝa libro de Georges Fradier, tradukita de C. D. A. Capp, kun belaj fotoj el la Oriento. Eldonita de U. E. A. kun la helpo de UNESKO.

**„Franca Esperantisto“** № 213/1962. Speciala numero, duobla enhavo, dediĉita al la Roma Forumo de la Internacia Asocio de la Popoluniversitatoj per Esperanto. Adreso: 34, rue de Chabrol, Paris X, Francio.

**Unua lernolibro de Esperanto** — laŭ la aŭtoro de la lingvo. Tantama Eldonejo, Tesaloniko, Greklando, 1963. Lernolibro por grekoj k. a. 72-paĝa. Prezo 1/2 usona dolaro. Adreso: B. P. 131, Tesaloniko, Greklando.

**La Nova situacio kaj niaj taskoj** — raporto de Mau Zedong, 44-paĝa libreto, eldono de Ĉina Esperanto-Ligo, Pekino, 1962.

**Al la Paco** — 18-paĝa multobligita neregula bulteno de la itala sekcio de M. E. M., № 21, 1962. En ĝi estas presita Projekto de Statuto de M. E. M. Adreso: Dante Cattaneo, Via Val di Ledro 23, Milano, Italio.

**Lernolibro de Esperanto** de Iv. Sarafov kaj Sim. Ĥesapĉiev, por bulgaroj, IV eldono. Eldonejo „Scienco kaj Arto“, Sofia, 1962.

**Oficiala Bulteno de Tutmonda Esperantista Junulara Organizo** — pri 19-a Kongreso de TEJO en Vraca, Bulgario, 27 julio—3 aŭgusto 1963. Bele ilustrita. Ricevebla ĉe: Junulara Kongreso, Sofia, P. K. 587, Bulgario.

**Homo kaj Kosmo** — Jaro I, N-ro 1, populara Naturscienca Esperanto-revuo. Eldonisto: Astronomia Observatorio de la Kroata naturscienca societo, Zagreb, Jugoslavio. Aperas kvaronjare, 32-paĝa, aparte de la ilustritaj kovrilpaĝoj. Belega scienca revuo. Abonkotizo: 1.50 dolaroj usonaj (20 steloj aŭ egalvaloro). Adreso: Astronomia observatorio, Zagreb, Optiĉka 22, poŝtfako 165, Jugoslavio.

**„Pola Esperantisto“**, n-ro 5—6, 1962. Grandformata 36-paĝa n-ro de la organo de la polaj esperantistoj kun samformata okpaĝa aldono en la pola lingvo. Ambaŭ ilustritaj.

**XXXI-a Oficiala kaj Internacia Specimenfoiro Barcelona** — belega kaj moderna afiŝo en du formatoj (70×100 kaj 30×40 cm) pri la Internacia Specimenfoiro en Barcelona, kiu okazos en junio 1963. La afiŝoj estas senpage riceveblaj de: 31-a Oficiala kaj Internacia Specimenfoiro, Propaganda Fako, Paseo de Maria Cristina s/n, Barcelona-4, Hispanio.

# ADRESOJ DE ĈIUJ MEMBROJ DE TEJA

(DAŬRIGO DE LA N-RO 4—5 DE „I. Ĵ“)

KOREO

Ro Hungco, Ban 12, Cunsundong, Vunsan, Kangvundo.
Bak Pjunghuan, ĉe „Fervoja Konstrua tresto“, Vunsan, Kangvundo.
Kim Bjungrijul, ĉe „Fervoja Konstrua Tresto“, Kongvundo.

MEKSIKIO

Francisco Azorin, Guadalquivir 41-F. (Mexiko, 5-D. F.)

NEDERLANDO

H. L. Hartog, Dr. Wever-str. 33, Volendam.
J. van Keulen, v. Bethovensingel 91-A, Vlaardingen.
A. A. Leenhard, Boerhavellaan 18, Bussum.
James G. Minholts, Stadsweg 3, Oosterhoogebrug (Post Groningen).
Henk Valkenier, Akker 179, De Bilt.

NORVEGIO

Olav Thormodsen, Box 132, Haugesund.
Arnfinn Jensonn, Cort Adelersgate 12—627, Oslo.

POLLANDO

Jakubiec Danuta, Lubicz 3 m 25, Krakow.
Stanislaw Saduski, 1 Maja 215, Krakow.
Jerzy Grum, Matejki 16/8, Wroclaw.
Adolf Capf, Sienkiewicza 42/7, Lodz.
J. Ezupoeicz, Mickiewicza 23, Torun.
Zdzislaw Wójcikiewiwecz, Al. Krasinskiego 4/20-Krakow.
Emil Mayer, Florianska 4, Krakow.
Aleksey Lasinski, Pola Radio, Vroclaw.
Kazimierz Malycha, Pròl Jadwigi 17, Bydgoszez.
Wirgiliusz Mlynczych, ul. Wiktori 40, Bjalistok.
Georgo Michalik, Szeroka 17 m 5, Gdansk.
Marian Niewiarowski, ul. Kl. Zetkin 31 m 5, Katowice.
Frederiko Pietrzyk, Pszczynska 9, Zory K (Ribnika).
Janusz Podruszewski, ul. Szustra 118/124 m 41, Warszawa.
Stanislav Rams, ul. Zyty bl. 111 m 22, Zielona Gora.
Jozef Switalski, ul. Kasprovicza 65, Wroclaw.
Irena Szezepanska—Walles, A/1 Slowackiego 60/2, Krakow.
Alojzi Turek. Kielecka 17 m 5, Krakow.
Jerzy Uspienski, Belgijska 5 m 12, Warszawa.
Goluzin Wkodzimierz, ul. Szara 1/Woj. Szerecin Debne.
Walerian Wlodarczyk, ul. Swietoslawska 57—7, Warszawa
Beszek Wyrwich, Bitwy pod Lenioo 5 m 114, Krakow.
Mieczislaw Zgorzewski, ul. Poczt. 22, Wroclaw 2.
Mieczislaw Babiński, Krzemionki 12 m 4, Krakow.

Beranda Czeslaw, ul. Nowogrzegorzecka 2 m 11, K r a k o w.
Zofia Bocheńska, Ujeskiego 7 m 3, K r a k o w.
Jerzy Domański, Widawnistwo Artystycno—Graficzne, K r a k o w.
Wada Idec, Osiedle 31, bł. 26 m 8, N o w a H u t a.
Czeslaw Kruszelnicki, Poslke Radio, K r a k o w.
Kazimierz Kudron, Rynek Kleparski 4, K r a k o w.
Zygmunt Nowakowski, Zaleckiego 43/16, K r a k o w.
Gertruda Sitek, Szlak 71, Polske Radio, K r a k o w.
Ana Siwek, Urzad Kontroli Ptasy, Rinak Kleparski 4, K r a k o w.
Adam Staniek, Osiedle C.-33, bl. 18, N o w a H u t a,
Halina Wanatowicz, Rynek Kleparski 4, K r a k o w
Krystyna Zbijewska, Urzedncza 10, K r a k o w.

RUMANIO

Csapo Julio, ul. Kinizsi 66, S a t u M a r e.
Stefan Freamat, Gabriel Peri 4, B u c u r e s t i.
Ioachim Gal, str. Bteiner Bela 80, O r a d e a.
Florian Paraschivescu, str. Pompiliu Stefu 13, C r a i o v a.
Ptof. O. Sacter, str. Boteanu 3a, B u c u r e s t i.
Dumitru Preoteasa, satul Albesti, Com. Simuic, Craiova, Reg. Oltenia.
Ficu Stern, Esperanto Casuta Postala, T u r n u—S e v e r i n.
Vasile Timiŝ, str. Berzei 17, B u c u r e s t i.
Enache Virgil, str. Ekaterina Teodoriu 49, C r a i o v a.

SOVET-UNIO

Ŝ. G. Basin, Ĥeroŝinskaja 7, T a ŝ k e n t.
B. T. Bengisar—Juzbaŝev, B. T Ĉistie Prudy 8, M o s k v a.
Evgenij Vl. Blinov, Novo Aleksandrovskaja 52, M o s k v a.
N. F. Danovskij, Metrostroevskaja 3 kv. 1, M o s k v a 8 G-34 14.
O. S. Kingsepp, Narvskoje Ŝose 71—23, K o h t l a J a r v e 3, Estona SSR.
A. N. Ĥovanski, ul. Kommunistiĉeskaja 84—23 J o ŝ k a r O l a 2, Marijskoj, ASSR.
Jakov P. Vlasov, ul. Fevralskaja 133, Ŝ a d r i n s k Kurganskoj obl.
J. V. Kostin, ul. Ŝkolnaja 25, kv. 2, Ĉ e l j a b i n s k—40.
G. A. Kapustin, Mogilnikovskaja 117, Ĉ e l j a b i n s k.
A. B. Firŝov, Kramatorskaja 11-3, J u r g a 1, Kemerovskoj obl.
Vs. V. Kulikov, Sazonova 33, O m s k 7.
L. N. Rahman, Puŝkina 24, kv. 13, O m s k 24.
N. P. Korsikova, Glavpoĉtamt, Do vostrebovania, N o v o-K u z n e c k. Kemerovskoj obl.
Lev Gr. Fiŝbein, ul. Gagarina 42—10, U z l o v a j a, Tulskoj obl.
Florianna K. Bugzel. Glavpoĉtamt, Do vostrebovania, N o v o k u z n e c k, Kemerovskoj obl.
Valentina F. Judakova, Pr. Kirova 21 a, kom. 12 N o v o k u z n e c k, Kemerovskoj obl.
A. N. Veznikovskij, selo Novo-Roĵdestvenka, Bolŝereĉenskij rajon, Omskaja obl.
Arunas Pakula, ul. Dajnavos 3, K a u n a s 5, Litova SSR.
Docento Viktor Gruŝko, Socialistiĉeskaja 169, kv. 4, R o s t o v-D o n 6.
Anatolij N. Steĉenko, Proletarskaja 32, I z o b i l n o e, Stavropolskij kraj.
Jozef Ŝneider, ul. Svetlanovskaja 39, H a r k o v 11.
K. J. Sidoriĉev, ul. Kalinina 5, N a r o F o m i n s k, Moskovskoj obl.
Andrej B. Rogov, S. I v a n o v c y, Ruziĉnij rajon, Hmelnickoj obl.
Efim S. Lajdman, ul. Tenderkaja 33, kv. 5, K o l o u n a, Moskovs. obl.
Konstantin M. Gusev, redakcija „Pravdy", ul. Pravdy 24, M o s v k a D. 47.
Ivan Vl. Sergeev, ul. Levitana 1/40, kv. 196, M o s k v a.
Viktor P. Grigorjev, ĵurnal „Voprosi Jezikoznanija, ul. Volhonska 11, M o s k v a.
Aleksandr K. Savastianov, vestnik „Sovetskaja Kultura", Ĉisty e Prudy 19-a, M o s k v a B—64.
Anatolij Vas. Starostin, N. Basmannaja 19, M o s k v a.
Aspiz Mivra Evseevna, Dom Ĵurnalista, Suvorovskij b. 8-a, Moskva.
Riz Lubov, Pokrovskij b. 8, M o s k v a ĵ. 28.
Aleksandr Nekrasov, Pokrovskij b. 8, M o s k v a ĵ. 28
Aleksandr S. Varŝavskij, ul. Pravdi 24, M o ŝ k v a D-47.
Efim Fleis, „Udmurskoj Pravdy", Iĵevsk.
Oskar Gardi, Ŝkolnaja 2, kv. 18 P. 183, L e n i n g r a d.
Gevork Gevorkjan, Hoktemberjan 27 ĥak IV mutk. 2, E r e v a n, Armena SSR.
I. Hoves, Poŝtkesto 1004 Esperanto, M o s k v a.
Georgi K. Jakovleviĉ, ul. Ĵdanova 21, M o s k v a.
Surej St. Kravĉenko, ul. Krasnaja 90 kv. 8, K r a s n o d a r, Kavkaz.
Jouzas Kubilius, redakcio „Kauno Presa", K a u n a s, Gedimino 31, Litova SSR.
E. Klavinŝ, ul. Barona 11, H l u k s n e, Litova SSR.
Viktor N. Kaplun, s. Maŝevska, Poltavskoj obl., Ukraina SSR.
Ida Lisiĉnik, Pedagogia Instituto, K u t a i s i, Kartvela SSR.
Atanas Lobakas, 17 Kranto 15—4, K a u n a s 2, Litova SSR.
Lidia Lvovna Svetĉenko, Deribasovskaja 3 kv. 9, O d e s a.
Aleksandr Longvin, M. Filovskaja 2/13 kv. 76, M o s k v a-G 433.
Sison, Martorisjan, Moskovjan 105, E r e v a n, Armena SSR.
Edvardas Medonis, K. Grybausko 22—4, K a u n a s 19, Litova SSR.
Simon Mkrtĉjan, ul. Cukasjan 19, kv. 5, E r e v a n, Armena SSR.
Marijus Perkeviĉius, Montvilos gt. 14—4, K a u n a s, Litova SSR.
Arunas Pakula, ul. Respublikos 74 a kv. 3, P a n e v e z y s, Litova SSR.
Heino Pavelson, str. Tähe 5—3, T a l l i n 16, Estona SSR.
Petras Ruksenas, Sodu 7—2, V i l n i u s-30, Litova SSR.
Juozas Sadauskos, Litova Agrikultura Akademio,

**Daŭrigota**

Adreso de la redakcio: Ivan Keremidĉiev — Esperov, Bul. Hristo Botev № 98 — Sofia 60, Bulgario.